# BELGA ESPERANTISTO

DUMONATA REVUO
41a JARO — MAJO 1949

OFICIALA ORGANO DE REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

*Asocio sen profita celo, tute sendependa de partiaj agadoj.*
*SOCIA SIDEJO : 19, avenuo Montjoie, Bruselo.*

**1949 - n° 3 -**

Pour tous renseignements au sujet de l'Esperanto : — Voor alle inlichtingen over Esperanto :
— **178, Peter Benoitlaan, Merelbeke (Gento)** —

# XXXIIIa Belga Kongreso de Esperanto

**Bruĝo, 4a ĝis 6a de Junio 1949.**

sub devizo :

« *Unu Belga nacio - unu nacia Ligo - unu Belga Kongreso.* »

## BRUĜO

Mi jus malsupreniris la turon de la vendhaloj. Laŭ iama memorbildo, mi opiniis ke de tiu observejo mi kapablas priskribi, kun multaj detaloj, la urbon por konigi ĝian ĝeneralan topografion.



*Bruĝo. — Placo Van Eyck.*

Mi eraris. Tre malfacile oni povas rekoni kelkajn grandajn stratojn. Por diveni la aliajn, estas necese esti Bruĝano, koni la turojn kaj turelojn, la paroĥojn kaj sonorilejojn, kiuj elmontriĝas ĉiuloke kvazaŭ palisetoj lokataj meze de nepriskribebla konfuzego de malnovaj kaj novaj domoj kie la plej grandaj eĉ luksaj najbare kunrilatas la plej humilegajn.

Ĉiuj civilaj konstrustiloj kiujn oni uzis depost la dekkvina jarcento intermiksiĝas tie flanke ĉe flanke : maloftaj ŝtonfestonoj, multaj ŝtupdentitaj frontopintoj laŭ ĉiuj imageblaj kapricoj; ĉie tie dentaĵo, pli malproksime volvaĵo; kelkaj interspacoj de banalaj kornicoj : ŝtono apud briko, briko apud gipso. Por la tegmentoj, varieco ankaŭ regas : tegolo kaj ardezo, la nuntempa kavategolo kaj la malnova glata tegolo, ĝenerale muskokovrita; bluo, ruĝo, verdo intermiksitaj : jen kiel prezentiĝas la tegmentoj.

Supre de ĉio, ŝajne hazarde jetitaj, la gracilaj konusoj de la italaj poploj, la kurbitaj kupoloj de la kaŝtanegujoj kaj tilioj, la larĝaj umbreloj de la ulmoj kaj platanoj; ĉar tio, kio apartigas Bruĝon de iu ajn alia urbo, estas le superabudeco de verdaĵo. Oni ĝin trovas ĉe ĉiu angulo, ĉe ĉiu rando de neuzita trafikloko, ĉe ĉiu kanalbordo; eĉ en domkortoj kreskas arboj. Ili kreskas ĉu amase, ĉu grupe, ĉu en unuopaj linioj. En kelkaj kvartaloj, verdo estas la pli potenca koloro.

Ĉie ekzistas kanaloj; la urbo estas kanalsulkita. Sed oni tion vidas nur je la kaĵo de l'Rozario, preskaŭ je la bazo de la turo. Tamen, unu movbrila



*Bruĝo. — Ponto ĉe Dyver.*

makulo etendiĝas je la nordo de la urbo; alia spegulo brilas je la sudo. Tiu lasta indikas la « Minnewater » kaj la komenco de la kanalo de Bruĝo al Gento, dum la norda montras la grandan kanalon.

Do : mi rezignas priskribi Bruĝon de supre, sed...

Tio, kio multe pli ol la malsimileco de la ŝtupdentaj frontonoj kaj varieco de la stilornamaĵoj, formigas la originalan karakteron de la urbo por la enloĝantoj de la modernaj ŝaktabuloj, estas la malreguleco de la rektlinioj, la antaŭdecidita foresto de la paraleleco. Tiu kurbezigzaga linio kiu regas sur la grundo kunmetata kun la denta linio de la pintfrontonoj naskigas lumokaj umbroludojn kun la plej ravaj efektoj.

Al la multformaj pintoj, al la kapric-desegnitaj stratoj, al la arbogrupoj, ni kunmetu la kanalojn kiuj sekvas la serpentumadon de la iama rivero. Kelkfoje tiuj kanaloj estas randitaj de stratoj; alifoje ili enprofundiĝas inter domoj aŭ zigzagas inter ĝardenoj; kelkfoje ili etendiĝis en trankvilaj akvaroj kovritaj de nimfeoj kaj vizitataj de cignoj; fine ili dormas en larĝaj speguloj.

Ni almetu la kurbajn pontojn kun siaj randmuretoj kaj benkoj el krudreliefaj ŝtonoj, ni svebigu sur ĉio serenan kaj solenetan aeron, interrompatan ĉiun kvaronhoron, de la granda voĉo de la sonorilaro, kaj ni ĝuos bildon pri la aspekto de la nuntaga Bruĝo. L. THOORIS (El « La Belgique Illustrée »).

Esperantigis E. STAES.

M. Jaumotte





## PROGRAMO

**Sabaton, la 4an de Junio :**

15a. — Malfermo de la akceptejo en « Hôtel du Cornet d'Or », placo Simon Stevin.

La kongresaj dokumentoj estos disdonataj tie kaj **ne antaŭsendataj.** Kongresanoj, kiuj dezirus postlasi hejme adreson pri sia restadejo, povas indiki tiun de la hotelo « Cornet d'Or ».

17a. — Laborkunsidoj, en la festsalonego de la sama hotelo.
Inter aliaj : Eksterordinara ĝenerala kunsido de R. B. L. E.

20a. — Interkonatiĝa vespero en dancsalono de la kafejo « Tabarin », apud la teatro, Vlamingstraat; eniro laŭ la apuda strateto « Grauwwerkersstraat ».

Prezentado de la esperantista hipnotiganto, S-ro Verda Stelo.

**Dimanĉon, la 5an de Junio :**

9a. — Por la katolikoj : en la Basiliko de la Sankta Sango, « Burg », diservo kun prediko en Esperanto. Predikanto : S-ro Pastro J. M. De Corte.

10a. — Oficiala akcepto fare de la Urbestraro kun vizito de la historia urbdomo.

11a. — Solena Kunsido de la Kongreso en la belega Gotika Salonego de la Urbdomo.

12.30 — Fotografado.

12.45 — Demeto de floroj ĉe la Monumento al la Militmortintoj, Karthuizerinnenstraat.

13a. — En « Hôtel du Cornet d'Or », Festeno (prezo, servado enkalkulita, 110 fr.).

16a. — Motorboata ekskurso sur la pentrindaj Bruĝaj kanaletoj (prezo, 15 fr.). Oni kunprenu fotografilojn.

Dume : Sonorilarkoncerto kun esperantaj arioj.

20a ĝis 1a. — En dancejo « Tabarin », Balo. (Urbaj vestaĵoj.)

**Lundon, la 6an de Junio :**

De la 10a ĝis 12a. — Gvidata vizito de la Bruĝaj muzeoj, artaj kaj historiaj vidindaĵoj.

Oni kunvenu, je 9.45, antaŭ la hotelo « Cornet d'Or ».

Je tagmezo : Komuna tagmanĝo en restoracio « Café Belge », Zuidzandstraat (kosto sen servado, 65 fr.).

De la 14a ĝis la 17a. — Daŭrigo de la gvidata vizito de la urbo.

N. B. — La kondukontoj de tiu vizito ĝin jam taŭge preparis kaj la partoprenontoj povas esti certaj ke ili tute ne bedaŭros ĝin.

Post la 17a. — Disiĝo.

### Ŝanĝo en la L. K. K.

S-ino Y. Vrielynck-Hubrecht, pro manko de tempo, rezignis la postenon de gazetara sekreteriino. F-ino M. Willems, prenis sur sin la plian plenumon de tiu tasko. Diversaj naciaj kaj lokaj gazetoj jam enpresis anoncon pri la kongreso.

### Nomaro de la kongresanoj (ĝis 30a de Aprilo).

1. S-ro Jaumotte, Antwerpen. — 2. S-ro Juste, Fleurus. — 3. D-ro Kempeneers, Uccle. — 4. S-ro Vandevelde, Merelbeke. — 5. S-ro Sielens, Antwerpen. — 6. F-ino Jennen, Bruselo (formortinta). — 7. F-ino Nachtergael, Gent. — 8. S-ino Gruslet, Gent. — 9. S-ro G. Vanden Bossche, Antwerpen. — 10. F-ino Obozinski, Uccle. — 11. S-ino V-ino F. Schoofs, Antwerpen. — 12. S-ino Kempeneers, Uccle. — 13. D-ro Maes, Bruselo. — 14. S-ino V-ino De Hondt, Antwerpen. — 15. S-ino Jaumotte, Antwerpen. — 16. F-ino Meuleman, Antwerpen. — 17. F-ino Kestens, Bruselo. — 18. S-ino Tousseyn, Jabbeke. — 19. S-ino Staes-Vande Voorde, Koekelberg. — 20. S-ro De Martelare, Gent. — 21. S-ro Castel, Ganshoren. — 22. S-ro Curnelle, Marcq-en-Barœul (Francujo). — 23. S-ino Sengel, Ganshoren. — 24. S-ino Vandevelde, Merelbeke. —

25. S-ro Paulus, Charleroi. — 26. S-ro Liagre, Gento. — 27. S-ro Pastro De Corte, Bruselo. — 28. S-ino Curnelle, Marcq-en-Barœul (Francujo). — 29. F-ino Staes, Koekelberg. — 30. S-ino Plyson, Bruselo. — 31. S-ino Juste, Fleurus. — 32. Inĝ. Delforge, Jumet. — 33. S-ro Timmermans, Gent. — 34. F-ino Dolfyn, Antwerpen. — 35. S-ro Vandevelde jr., Merelbeke. — 36. S-ro Vermander, Antwerpen. — 37. F-ino Thooris, Assebroek-Brugge. — 38. S-ro Ch. Poupeye, Brugge. — 39. S-ino G. Poupeye, Brugge. — 40. F-ino Y. Poupeye, Brugge. — 41. S-ro Groothaert, Brugge. — 42. S-ino Groothaert, Brugge. — 43. S-ro Verplancke, Brugge. — 44. S-ino Verplancke, Brugge. — 45. S-ro Demeulenaere, Brugge. — 46. S-ino De Baets-Huyghe, Brugge. — 47. F-ino G. De Corte, Brugge. — 48. F-ino M.-J. De Corte, Brugge. — 49. F-ino M. Willems, Brugge. — 50. F-ino I. Van Parys, Sint-Andries-Brugge. — 51. F-ino Y. Van Parys, Sint-Andries-Brugge. — 52. — F-ino Everaert, Brugge. — 53. S-ro K. De Coster, Brugge. — 54. S-ro Jef De Coster, Sint-Andries-Brugge. — 55. S-ino De Coster, Sint-Andries-Brugge. — 56. F-ino Verbeke, Brugge. — 57. S-ro G. Petitjean, Ciney. — 58. S-ino Petitjean, Ciney. — 59. S-ro M. Petitjean, Ciney. — 60. S-ino Oleffe, Bruselo. — 61. S-ino Lecat-Weinsberg, Antwerpen. — 62. S-ino Castel, Ganshoren. — 63. S-ro Vander Stempel, Koekelberg. — 64. S-ino Vander Stempel, Koekelberg. — 65. S-ro Sengel, Ganshoren. — 66. S-ino Lefebvre-Janssen, Ixelles. — 67. S-ro Ritschie, Kapellen. — 68. S-ro Patigny, Bruselo. — 69. S-ro Léon Braet, Nieuwpoort. — 70. S-ino Braet, Nieuwpoort. — 71. S-ro Marc Braet, Nieuwpoort. — 72. S-ro Van Roye, Heule. — 73. S-ino Van Roye, Heule. — 74. S-ino Elworthy-Posenaer, Mariaburg. — 75. F-ino Boereboom, Brugge. — 76. S-ino Algrain, Brugge. — 77. S-ro Moy Thomas, Londono (Anglujo). — 78. S-ro A. Lundgren, Hälsinborg (Svedujo). — 79. S-ino Lundgren, Hälsinborg (Svedujo). — 80. S-ino Marie Huyghe, Brugge.

Do, pli ol unu monato antaŭ la kongresdato, jam 80 gesamideanoj, inter kiuj kvin eksterlandanoj, enskribiĝis. Tiu rezulto certigas la sukceson de nia ĉiujara tutlanda kunveno. Ke la prokrastintoj nun rapidu, la lastaj semajnoj estos por la organizantoj tre laborplenaj, kaj lastmomentaj aliĝoj ege malfaciligus ilian laboron.

Kelkaj enskribintoj, kiuj ĝis nun nur sendis sian kotizon, estas petataj sendi tuj — per aliĝilo aŭ samformata kopio — siajn mendojn por festeno, boata ekskurso, lunda tagmanĝo kaj loĝado.

La **kongresa kotizo** estas de la 1a de majo : **50 fr.**, kaj povas esti pagata kun la aliaj antaŭmendaĵoj al **Poŝtĉekkonto 3105.41** de « 33a Belga Kongreso de Esperanto, Brugge ».

**Adreso por la aliĝiloj :** S-ino M. DE BAETS-HUYGHE, Kasistino de la L. K. K., Pottenelei, 1, Brugge.

**Adreso por aliaj korespondaĵoj :** S-ro Ch. POUPEYE, Prezidanto de la L. K. K., Elf Julistraat, 32, Brugge.

**Flagoj.** — Grupoj aŭ samideanoj, kiuj disponus pri Esperanto-flagoj, fasadaj aŭ societaj (la Bruĝaj estis rabataj de la Gestapo), estas petataj ilin sendi pruntedone al la Prezidanto de la L. K. K., por ke ili utilu propagand- kaj ornamcele dum la Kongreso. La L. K. K. repagos la sendkostojn, atente prizorgos la flagojn kaj resendos ilin akurate post la Kongreso. Antaŭan dankon.

DO NE PROKRASTU, ALIĜU TUJ KAJ ĜIS ĜOJA REVIDO EN « BRUĜO LA BELA » !

## CERBO KAJ KORO

Tro da homoj, kvankam ili havas pretendon pri « kulturo » atentas nur la senperan profiton al si el novaj elpensaĵoj. Tion ni konstatas ankaŭ pri Esperanto. Iu inĝeniero iam maltimis respondi : « Internacia helpa lingvo estas necesa; antaŭ kelkaj jaroj mi eklernis Esperanton; sed kiam mi konstatis ke ĝia lernado estas facilega, mi ne daŭrigis, ĉar kiam ĝi estos ĝenerale uzata, kelkaj semajnoj sufiĉos al mi por ankaŭ fariĝi kapabla ĝin uzi ».

Esperantistoj, amikoj miaj, propagandu fervore pri nia lingvo, ne nur al la cerbo de la varbotoj, sed ankaŭ al ilia koro.

**NESENKORULO.**

## REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

*Asocio sen profita celo.*

La ĝenerala laŭleĝa kunsido okazis la 24an de Aprilo 1949, en Bruselo.

Ĝi aŭskultis kaj aprobis la raporton de la administrantaro.

Ĝi fiksis la kotizon, kiu de nun estas 80 fr. por la simplaj membroj kaj 40 fr. por la familiaj membroj. (Vidu la kompletan tabelon de la kotizoj sur la lasta paĝo.)

La kunsidantaro aprobis la budĝeton por 1949 kaj elektis la administrantaron. Ĝi konsistas el S-ino J. PLYSON, S-roj H. J. BOVING, A. FAES, M. JAUMOTTE, A. JUSTE, P. KEMPENEERS, G. PETITJEAN, Ch. POUPEYE, A. TASSIN, J. VERDIER, G. VANDEN BOSSCHE, Cl. VANDEVELDE. La kunsidantaro reelektis la komisariojn, S-rojn J. ALOFS, L. EVERAERTS kaj F. MATHIEUX.

Post la kunsido la administrantoj kunsidis kaj elektis la estraron montritan sur la lasta paĝo de nia gazeto.

Pro miskompreno inter la kasisto kaj la komisarioj, tiuj ĉi ne povis prezenti sian raporton. La legado de tiu raporto kaj la aprobo de la kalkuloj estos prezentataj al la

**eksterordinara leĝa kunsido**

kiu okazos la 4an de Junio 1949, je la 17a, en Hotelo « Cornet d'Or », placo Simon Stevin, en Bruĝo, kun la sekvanta tagordo :

1. Aprobo de la bilanco de l'jaro 1948;
2. Malŝarĝo al la administrantoj.

Ĉiuj membroj estas invitataj ĉeesti.

La Ĝenerala Sekretario, C. VANDEVELDE.

La Prezidanto, P. KEMPENEERS.

---

## ESPERANTO KIEL SOLA MONDHELPLINGVO

Sveda Esperanto Federacio, Stockholm, eldonis broŝuron 32paĝan titolitan « Enketo pri internacia helplingvo » kiu raportas la rezultojn de vasta esplorado organizata de **International Auxiliary Language Association** (I.A.L.A.), kies sidejo estas en New York (U.S.A.).

En tiu enketo partoprenis la Instituto J.-J. Rousseau (Instituto de Eduk-Sciencoj) en Ĝenevo (Svislando). La tiama direktoro de l'Instituto, Profesoro Pierre Bovet, helpata de unu sekretariino, kondukis mem tiun laboron.

La enketo montris ke, fakte, Esperanto estas la sola helplingvo kiu vere vivas, estas instruata, uzata, skribata, parolata en la mondo; ke nek la malpermesoj, la bruligoj de libroj kaj la detruado de tutaj bibliotekoj ordonita de diktatoraj potencoj kapablis ĝin detrui : efektive, ĝi refortiĝis post la milito ĉe venkintoj kiel ĉe venkitoj.

Plie, la enketo montris ke Esperanto estas facile studebla de kiu ajn; eĉ personoj kiuj nur sekvis unuagradan lernejon kapablas ĝin lerni.

La Ĉe-metodo de instruado donas pli bonajn rezultojn ĉe infanoj ol ĉiuj aliaj instruad-metodoj. Tamen, ĉe plenaĝuloj la rezultoj estas malpli diversaj. Sed, laŭ la enketistoj, la Ĉe-metodo estas tiu, kiu donis la plej bonajn rezultojn.

La konkludo de Profesoro Bovet estas ke de psikologia vidpunkto kiel de teknika, Esperanto estas vivanta helplingvo taŭga por esti rekomendata kiel sola mondhelplingvo.

Estas konsilinde al ĉiuj personoj, kiuj interesiĝas pri mondhelplingvo legi tiun broŝuron kiu estas aĉetabla por 5 respondkuponoj ĉe Sveda Esperanto Federacio, Tegelbacken, Stockholm, Svedujo.

## NOVA KANTO

Ho, eksonu nova kanto
Pri la lingvo Esperanto,
Pri la ligil' internacia,
Revo nia, amo nia.
Kreitaĵo la plej mirinda
Vere estas ĝi laŭdinda
De verkistoj, de poetoj,
En poemoj, en odetoj,
Pli ol tondro de bataloj,
Pli ol dolĉaj najtingaloj,
Pli ol oro la plej brila,
Pli ol gloro senutila,
Pli ol ĉiu, pli ol ĉio,
Krom la amo al la Dio.

En Eŭropo, Ameriko,
En Azio kaj Afriko,
Kie ajn vi veturados,
Esperanton vi trovados.
Sur la strato, en vagono,
En hotelo, en salono,
Kaj eĉ en privata domo
Ĝin parolos ĉiu homo:
Laboristo, profesoro,
Kaj juĝisto, kaj doktoro,
Kaj Hebreo, kaj Kristano,
Kaj Litovo, kaj Japano.
Kaj pereos la plendato:
« Mi vin ne komprenas, frato ».

Por ke venu tiu horo,
Kune, fratoj, al laboro.
Jen per kanto, jen per vorto,
Jen agante ĝis la morto,
Servu ni al la afero
La plej bela sur la tero.
Iru kiel apostoloj
Ĝin prediki por populoj,
Kaj eksonu nia voko
Sur la ter' en ĉiu loko:
En vilaĝoj, en urbetoj,
En lernejoj, en gazetoj.
Kaj servantaju al la vero
Nin fortigu la Espero.

A. DOMBROWSKI.

---

## INTERNACIA LIGO POR NOVA EDUKADO

aranĝas internacian kongreson en Bruselo de la 10a ĝis la 17a de Julio 1949.

Ni alvokas niajn membrojn, kiuj interesiĝas pri tiu movado, ke ili petu informojn de la sekretariejo, 10, avenue de Mercure, Uccle-Bruxelles, kaj interrilatu kun Belga Ligo por preparado de ilia eventuala partopreno.

---

## RADIO POR LA MALSANULOJ

La geesperantistoj bone konas « Le Moustique », tiun familian semajnan gazeton kiu aperigas kun ilustritaj raportoj kaj diversaj kronikoj la programojn de la radiostacioj ordigitaj horo post horo.

Oni regule trovas en ĝi la tabelon de la esperantistaj disaŭdigoj kaj ofte notojn rilate al nia movado.

Jam de unu jaro, kun la helpo de siaj legantoj, « Le Moustique » entreprenis havigi radio-aparatojn al la malsanuloj kiuj ne kapablas marŝi. La projekto de la estraro de « Le Moustique » estas laŭdinda kaj logika; nu ĉar la radio stacioj organizas disaŭdigojn por la malsanuloj kaj la kripluloj, estas necese ke tiuj personoj ilin povu kapti. Tamen, en domo kie estas malsanulo, la budĝeto ofte ne permesas aĉeti radioaparaton.

Por gajigi la longajn izolecajn horojn, « Le Moustique » malfermis monkolekton, akceptantan kian ajn monan helpon. Ĝi sukcesis tiel, dum dekkvinmonata periodo, disdoni ĉirkaŭ cent radioaparatojn. Plie, dank'al la grandanima alvoko de la gazeto, bonfarantaj personoj rekte havigis radioaparatojn al najbaroj, al malsanaj familianoj, k.t.p.

La geesperantistoj estas bonuloj; ili nepre ankoraŭ helpos la agadon de « Le Moustique » sciigante ĉirkaŭ si pri la iniciato de la gazeto: la kampo estas vasta sed la rikoltantoj ne estas sufiĉe multnombraj.

## BELGA KRONIKO

BRUĜA GRUPO. — Parto de la kunveno de la 15a de Februaro estis dediĉata al centjara rememorigo de la morto de la fama muzikisto Chopin. F-ino Yvonne Poupeye, ankaŭ ekslernantino de la lasta kurso, antaŭlegis interesan biografion pri tiu komponisto. Kiel ilustrado al tiu paroladeto, la ĉeestantoj aŭskultis tri komponaĵojn de la rememorigata artisto, pianoforte ludatajn de S-ino Gabrielle Poupeye, kaj du pliajn aŭdigitajn per diskoj.

BRUSELA GRUPO. — Ejo Brasserie Saint-Martin, place du Grand Sablon, 38, Grote Zavelplein.

*Programoj de la venontaj kunsidoj.*

Junio : la 6an, Pentekostaj festoj, nacia Kongreso; ĉiuj al Bruĝo ! la 13an, parolata ĵurnalo kaj raporto pri la nacia Kongreso; la 20an, S-ro Louis L'HOST, pri « Ĉielaj kuriozaĵoj »; la 27an, F-ino KESTENS kvidos gajan vesperon.

Julio : la 4an, parolata ĵurnalo; la 11an, S-ro VERDIER, « Submaraj esploradoj »; la 18an, S-ino RICHARD pri « Niĉjo la mensogulo »; la 25an, S-ro HART, « lo ajn ».

Aŭgusto : la 1an, parolata ĵurnalo; la 8an, S-ino Elly STAES, « Humoraĵa vespero »; la 15an, Ĉieliro, ne okazos kunveno; la 22an, S-ro SENGEL, « Amuza vespero »; la 29an, F-ino OBOZINSKI raportos pri kongreso en Bournemouth.

Septembro : la 5an, parolata ĵurnalo; la 12an, S-ino ERNST, temo ne konata.

— La esperanta sekretariejo de *Baden Powell Belgian Scouts* denove funkcias. Adreso : S-ro J. Van Gulck, Philomenestraat, 11, Antverpeno. Ĝi volonte donos al vi informojn.

---

## ESPERANTISTA KRONIKO

— *Finnlando.* — Nia agema kaj fidela samideanino Tyyne Leivo-Larsson fariĝis ministro de sociaj aferoj en la nova registaro de Finnlando. Nian koran gratulon !

— *Internacia Esperanto Muzeo* ree funkcias en kvar salonegoj de Hofburg en la centro de Vieno. Ĝi afable petas alsendon de ĉiu ajn materialo (broŝuroj, afiŝoj, gazetoj, flugfolioj, cirkuleroj, k. t. p.).

— Aŭstra Esperanto-Kongreso okazos en Graz de la 16a ĝis la 20a de Julio 1949. Por informoj, oni sin turnu al « Esperanto Kongreso Graz 1949 », GRAZ, Aŭstrujo. La eksterlandanoj ne devas pagi kongreskotizon.

— En la programo de la *Svisaj radiodissendoj* dum la somero 1949, parolos pri Esperanto : ĉiun mardon, S-ro Baur, je 12,55 kaj 18,40 (Svisa horo), ĉiun jaŭdon, S-ro Privat, je 12,55 kaj 18,40 (Svisa horo). Ondlongecoj : 48m.66 kaj 31m.48.

La LABOR-ESPERANTISTA FEDERACIO en Francujo organizas la 15, 16 kaj 17ajn de Junio renkontiĝon por geesperantistoj kaj personoj simpatiaj al Esperanto, en Strasburgo (Francujo).

Kotizo por unu persono : 25 belgaj frankoj; por geedzoj : 35 belgaj frankoj.
Informojn oni petu de S-ino L. DREZE, 210, route d'Envisal, Verviers.

## BIBLIOGRAFIO

— La *Landa trafikoficejo en Innsbruck* (Tirolo, Aŭstrujo) presigis belegajn varbafiŝojn kaj ilustritajn faldprospektojn kun Esperantoteksto, kiujn oni povas ricevi sin turnante al S-ro Hans STEINER, Esperanto-landestro por Tirolo, KUFSTEIN, Aŭstrujo. Vizitu la tirolajn montojn kaj vi faros mirindan vojaĝon.

— S.A.S. (Skandinavia Aero Sistemo) propagandas en Esperanto pere de belega kolorita kvarpaĝa broŝureto. S.A.S. ebligas komunikaĵojn inter Eŭropo, Azio, Afriko kaj Ameriko.

— *Le Havre, oceana pordo,* ilustrita prospekto donas interesajn informojn por turistoj. Petu ĝin de Havra Grupo, 44, rue Jules Lecesne, Le Havre, Francujo.

— SVEDA ESPERANTO GAZETO « LA ESPERO » jam trovis admirantojn tutmonde pro interesa enhavo, bela preso kaj regula apero. Se vi deziras aboni ĝin dum 1949, vi povas pagi la abonkotizon, Fr. 75,—, al ni kaj vi ricevos rekte el Svedujo ĉiumonate 8-, 12- aŭ 16-paĝan numeron ĉefe esperantlingvan.

Belga Esperanto-Instituto, Oostenstraat, 26, Antverpeno; Poŝtĉekkonto 1680.58.

## ANONCETO

— Jindra KROVAK, 771, Dobroskeho, NYMBURK (Ĉeĥoslovakujo), deziras korespondi kaj interŝanĝi poŝtmarkojn kaj poŝtkartojn.

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

ASOCIO SEN PROFITA CELO

*Prezidanto* : D-ro P. KEMPENEERS, 19, avenue Montjoie, Bruselo.
*Vic-prezidantoj* : S-ro M. JAUMOTTE, 44, avenue De Bruyn, Wilrijck-Antwerpen
S-ro A. TASSIN, 1, rue Saint-Joseph, La Louvière.
*Generala Sekretario* : S-ro Cl. VANDEVELDE, 178, Peter Benoitlaan, Merelbeke.
*Sekretario* : S-ro J. VERDIER, 78, avenue Marie-José, Woluwe-Saint-Lambert.
*Kasistino* : S-ino J. PLYSON, 185, rue Jourdan, Saint-Gilles-Bruselo.

KOMBINATAJ KOTIZOJ

## Reĝa Belga Ligo Esperantista kaj Universala Esperanto Asocio

(IEL kaj UEA kunigitaj)

I. *Simpla membreco* (enhavas membrecon al la loka Grupo — se ekzistas — al la Ligo kaj al la internacia organizaĵo; rajtigas ricevi la Bultenon de la Ligo, kaj la internacian kuponaron por servoj) ... ... ... ... ... .. ... fr 80
*Familia membro* (same, escepte la Bultenon) ... ... ... ... ... 40

II. *Membreco kun individua aliĝo* al la Internacia organizaĵo :
a) *Membro kun Jarlibro* :
kiel Simpla membro; ricevas krome la Jarlibron kaj ĝian aldonon ... ... ... 125
b) *Membro Abonanto* :
kiel membro kun Jarlibro; ricevas krome la monatan internacian gazeton : « Esperanto »... ... ... ... .. ... ... ... ... ... ... ... 190
c) *Membro Subtenanto* :
kiel membro-abonanto pagas pli altan kotizon por helpi la movadon ... .. 350

III. *Bonfaranta Membro* memvole aldonas 25 fr. al sia kotizo, speciale por helpi al R. B. L. E.

Pagu al via loka grupo; se ne ekzistas, al poŝtĉekkonto 1337.67 de Reĝa Belga Ligo Esperantista.

Imp. LIELENS, S. P. R. L., 18, rue de la Princesse, Bruxelles. — Téléphone 21.10.98